21a Jaro - No 10 (224) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Oktobro 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Poŝtĉeko: No 1337.67 (Wilrijck) Por anoncoj: H. PÉTIAU, Gento

« Veni, vidi, vici »

## Kruela Morto venkis nian Reĝinon Astrid

*Ŝi venis*, jes, antaŭ malmultaj jaroj nur. Ni ĉeestis ŝian alvenon : Sur la larĝa Skeldo-rivero subite, ĉe la kurbiĝo de la akvovojo, ekaperis la « Fylgia », la sveda militŝipo, kaj sur ties griza unutona fono, tuj ekvidiĝis blanka virina silueto.

*Ŝi venis*... Nenia dubo por la malmultaj privilegiitaj atendantoj sur la kajo, — oficialuloj kaj ĵurnalistoj — : tie apude, ĉiusekunde pli apude... la Princino ! Princino Astrid !

*Ŝi vidis*... Same kiel niaj okuloj serĉis la princinon, la princinon el la bela Nordo, ŝiaj okuloj ankaŭ serĉis, serĉadis, ĉar ŝia instinkto ne sufiĉis por tuj ekvidi inter la amase starantaj geviroj, tiun al kiu ŝi venis... la Princon, ŝian edzon.

Sed ĉirkaŭ li, ŝi ankaŭ vidis, de malproksime, la popolon dense kunplektitan en malgranda al ĝi rezervita loko... la popolon, kiu de hodiaŭ fariĝos *ŝia* popolo.

*Ŝi vidis* tiun popolon, laŭte aklamantan, laŭte kriantan tute sian ĝojon, sian feliĉon pro tiu alveno.

Kaj tuj ŝi komprenis, ke *ŝi venkis*.

*Ŝi venkis*, per la beleta, tutafabla gesto de la mano, alten tenita super la kapo ; tiu gesto, kiu iris al ĉiuj : al ĉiuj, kiuj ĉeestis la alvenon, al ĉiuj, kiuj ne trovis lokon en la mallonga vojo, kiun severa protokolo elektis por iri de la kajo al la urbdomo, ĉar estas tradicio ke la unua festa ĉirkaŭirado, en tia okazo, havu sian lokon en la ĉefurbo.

*Ŝi venis, ŝi vidis, ŝi venkis*...

Tion oni tute kapablis konscii, nur kiam, elirante la urbdomon, la Reĝa sekvantaro volis reiri al la kajo por tie envagonariĝi.

Dum la akcepto, la centmilkapa amaso, kiu estis vane atendinta, kaj kiu ne estis povinta aklami nian Princinon, estis antaŭen-irinta malgraŭ ĉiuj bariloj, ĉu policaj, ĉu soldataj.



Kaj la Reĝa sekvantaro estis premita en tiu amaso.

Kaj ni vidis la Princon, devigatan protekti per siaj brakoj la virinon, kiu ĵus estis alveninta, por sin meti sub lia protekto.

Kaj tuj ni, — oficialuloj kaj ĵurnalistoj, — ekkomprenis, ke ni ankaŭ ŝuldis al ŝi, — nia Princino —, protekton kaj ĉirkaŭ la geprinca paro, ni formis, — Princo Olaf; Princo Karolo, nia samideanofrato de Princino Astrid ; la ministroj Jaspar kaj Vandervelde ; Antverpena komisaro ; kelkaj agentoj ; duon-dekduo de Belgaj ĵurnalistoj, grandan vastan cirklon. — Ne plu estis hierarĥio : Princo donis la brakon al policagento, ministro al malamika ĵurnalisto, kaj ĉiu forte premis la brakon de la najbaro.

Dume, la Reĝo Alberto, ekster la cirklo, malrapide malantaŭeniris, imponante la popolon per sia alta staturo kaj per sia dolĉa peto : « S'il vous plaît, Als 't u belieft ! ».

Kaj malrapide, tre malrapide la sekvantaro alvenis apud la vagonaro. Rapide tie oni ensaltis. La vagonaro forglitis sur la reloj.

La Princineto el la Nordo... foriris... Ŝi iradis *al* la Reĝa Palaco en Bruselo.

. . . . . . . . . . . . . .

Nun nia Reĝino, kiu venis el la Nordo... denove foriris... por eterne foriris... Oni forportis ŝin *el* la Reĝa Palaco de Bruselo.

Ne plu estis, kiel ĉe ŝia alveno en Antverpeno, pro ĝojo freneziĝinta amaso, sed ploranta amaso, kiu staris je ambaŭ flankoj de la sekvantaro...

Ŝi kiu estis veninta, kiu estis vidinta, kiu estis venkinta... nun, por eterne, estis venkita de tro kruela Morto.

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXV-a Belga Esperanto-Kongreso

**La Louvière 30-31 Majo-1 Junio 1936.**

*3-a INFORMBULTENO.*

*Glumarko.* — La L.K.K. eldonigis belan reliefan glumarkon pri la XXVa Kongreso kaj ĝi esperas ke ĉiuj niaj gesamideanoj volos havi tiujn propagandilojn. Mendu ilin grandkvante por helpi la LKK kaj nian karan aferon (100 ekzempleroj estos sendataj post ricevo de 5 frankoj al la Poŝtĉekkonto 111.910 de la XXVa Belga Kongreso de Esperanto — La Louvière).

*Patronado.* — La aktiva « komerca kaj industria ĉambro de la centra regiono » donis grandan pruvon de sia simpatio pri nia movado akceptante ke nia XXVa estu lokata sub ĝia patroneco.

*Radio-Wallonia-Bonne-Espérance.* — Oktobra programo de niaj esperantistaj dissendoj :

La 6a je la tria, S-ro André Tassin parolos pri nia XXVa kongreso.

La 20a je la tria, S-ro Noël Piette estos intervjuata de S-ro Tassin pri la Internacia Kongreso de Romo, al kiu S-ro Piette partoprenis.

*Tria listo de kongresanoj :*

49. S-ro Alberic Humez, Douai (Francujo).
50. S-ro Jules Ginsburg, Antverpeno.
51. S-ro René Motquin, Ressaix.
52. S-ro Germain Quewet, Trazegnies.
53. F-ino Mathilde Hofkens, Antverpeno.
54. S-ino Van Bockel, Antverpeno.
55. S-ro Charles Poupeye, Bruĝo.
56. S-ino Charles Poupeye, Bruĝo.
57. S-ro Egard Jacques, La Louvière.
58. S-ro André Tassin — filo —, La Louvière.

Ĉu via nomo jam aperis tie ĉi?
vi deziras ke ĝi aperu proksiman monaton?

**SENDU** do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXV-a Belga Kongreso de Esperanto » — La Louvière.

**Helpu la organizantojn per frua aliĝo !**

## Familia Kroniko

### KONDOLENCOJ.

— Al nia Honora Prezidanto, nia Reĝo, la Ligestraro sendis kondolenc-telegramon kaj florkronon en formo de stelo.

— Al F-ino M. L. Bulcke, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia patro, S-ro Frans Bulcke (8-9-'35).

— Al Ges-roj E. Verbeke-Deman, estroj de « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » sidejo de la Bruĝa Grupo, kaj al Ges-roj Herreweghe-Verbeke, pro la morto de ilia amata naŭmonata nepineto kaj filineto: Marguerite Herreweghe (11-9-'35).

### GRATULOJ.

— Al S-ro G. E. Guillaume, kasisto de la Bruĝa Grupo, kiu iĝis dufoja avo en tri tagoj per la naskiĝo de du nepetoj: Johan Guillaume (24-8-'35) kaj Dirk Guillaume (27-8-'35).

— Ni kore gratulas niajn gemembrojn S-inon Lucette Faes-Janssens kaj S-ron H. Vermuyten pro la premioj kiujn ili gajnis en la Internaciaj Floraj Ludoj (Katalunujo).

— Same ni gratulas ges-rojn Kamiel Feryn-van Ryckeghem el Lichtervelde pro la naskiĝo de ilia 12a infaneto, fileto Georges, René, Yvo.

### Nova Esperanto-ludo: " Kanjugo ".

Ni atentigas la estrarojn de la diversaj grupoj, pri la apero de nova Esperanta Kartludo, eldonata de la sama brita firmo kiel la Lexicon-ludo, kaj kiu permesas, ludante, kunmeti verajn, interesajn krucvortojn.

La kartaro, bele enpakita en skatoleto, estas mendebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto » — Esperanto-Domo, Willemsstr. 21, Antverpeno, je la sama prezo kiel la « Lexicon », t. e. fr. 20,—.

## La Internacia Kongreso en Romo

En nia antaŭa numero ni detale raportis pri la unua manifestacio, — ankaŭ la plej impresoplena por la kongresanoj kaj ĉiuj ĉeestantoj, — la oficiala malferma kunsido.

Vespere okazis, je la kontentigo de multaj, la reprezentado de la teatraĵo *Kurioza Okazaĵo* de C. Goldoni.

Post tio okazis preskaŭ nur unu afero, per kiu ni povas resumi ĉion faritan : vojaĝado. Dum la ferma kunsido S-ro Bastien ja nomis la kongreson « rulkongreso » kaj tiam li ege pravis.

Efektive, kvankam oficiale la kongreso okazis en Romo, ni ĉiuj bone scias ke ĝi okazis en tuta Italujo — kaj eĉ parte en Afriko por kelkaj.

Tiun impreson pri « rulkongreso » havis certe ĉiuj gekongresanoj, vizitante ĉiujn regionojn de Italujo dum la fabelaj belecoj de tiu lando sin sekvis tuj unu la alian, eĉ tiom rapide ke oni ne havis la tempon memorkapti ilin.

Facile, kaj de ĉiuj, konstatebla fakto estis ke la diversaj kunvenoj kaj laborkunsidoj estis preskaŭ ne ĉeestataj kaj ke en internacia kunsido de U.E.A. oni ankoraŭ ĉiam diskutadas pri tute naciaj aranĝoj.

Evidente oni denove lamentadis pri la malfavora kaj malbona pozicio de U.E.A., pri malagrabla financa situacio, kiun oni tamen facile povus plibonigi

La internacia balo kaj poste la vizitoj al Pompei kaj Capri estis tre interesaj.

Objektive konsiderante ĉion ni devas diri ke la L.K.K. faris eksterordinare grandan laboron ; ĝi ne disponis pri sufiĉe da anoj kaj kunmetis programon troŝarĝitan kaj nerealigeblan. Ni dankas ilin ĉiujn tutkore kaj admire, pro tiu kongreso en kiu oni multe vidis, per kiu oni multe povis sperti, kaj lerni ankaŭ

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO



En tiu ĉi sama tago, kiam la Oktobra numero de « Belga Esperantisto » alvenas en vian hejmon, Kara Leganto, estas la unua datreveno de la malfermo de la Esperanto-butiko, en la Willemsstrato, en Antverpeno.

Unu jaro jam forpasis, de kiam B.E.I. faris tiun, kontraŭ la eksterstarantoj, tiel gravan paŝon sur la Esperanto-kampo.

Unu jaro, tio signifas tri cent kaj sesdek-kvin okazoj, kiujn ĉiuj inter ni havis, ĉu per vizito, ĉu per letero, helpi, per malgranda ŝtono, ne plu al la konstruo, sed al la plifirmigo, do al la daŭrigo, de tiu granda Esperanto-verko.

Unu jaro ! Ĉu vi permesas, Kara Leganto, ke ni demandu al vi, ĉu vi kaptis tiujn okazojn, ni ne diru, ĉiutage kompreneble, — tio ja estus neebla —, sed ĉiumonate, ekzemple, — tio jam estus ebla ? —.

Faru ni ĉiuj ekzamenon, ne de nia konscienco, sed tute krude, de niaj mendoj kaj aĉetoj. Kiom povus respondi, ke ili minimume ĉiumonate ion aĉetis ? Ne multaj !

Sed ne gravas. Ni kuraĝas daŭrigi niajn demandojn : Kiom povas respondi, ke ili almenaŭ, ekster la malferma tago, ankoraŭ unu fojon en la forpasinta jaro, ion aĉetis en la magazeno ?

Kara Leganto ! Ne kulpigu vin, se vi forgesis. Kun vi, dekoj, centoj da aliaj, bonaj Esperantistoj forgesis

Feliĉe ke la organizantoj, — la administrantoj de B. E. I., — starigis, apud la Esperanto-fako ankaŭ ordinaran libristan kaj paperaĵan fakon, kiu interesas eksterstarantojn, ne-Esperantistojn. Kaj tiuj venis al ni, kaj per ilia vizito, multe da bona laboro estis efektivigata ankaŭ por Esperanto.

Tiom multnombraj estis tiuj vizitoj, ke dank'al tiuj ne-Esperantistoj, nia magazeno preskaŭ jam povas vivi.

Tamen restas, por tiu unua jaro, deficito. Kiom ajn malgranda estas tiu deficito, ĉiuj ni tamen estas sufiĉe kleraj por scii, ke la ripetado de ĝi kondukus nin al la bankroto.

Nu, ni viŝu la spongon super tiuj forgesoj de la unua jaro. Sed ni ĉiuj, sen unu escepto, prenu nunmomente la decidon, ne plu permesi tiun parazitvivadon, sur la dorso de la eksterstarantoj. Ni vivigu mem nian magazenon !

Kaj se la ne-Esperantistoj daŭrigas fidi en nia komerca sperto, des pli bone. Tio permesos al ni fari iom da profito, rentumi eventuale la kapitalon kaj efektivigi aliajn planojn, jam tute pretajn, sed nunmomente ne efektivigeblajn.

Antaŭen do por la plifirmigo de nia entrepreno !

Ke ĉiu, je tiu ĉi datrevena tago, tuj faru malgrandan mendon. Ĉi sube ni donas la prezojn de kelkaj Esperantaĵoj. La prezoj de la libroj estas la oficialaj prezoj, kaj tiuj de la paperaĵoj, tiuj de la aliaj butikoj.

En la Willemsstrato, la prizorgantoj ĉion aranĝis por tuj respondi al ĉiuj viaj mendoj, kiuj amase devas alveni en la unua semajno de la monato de Oktobro.

Memoru, ke tiu, kiu nun denove forgesos, meritos la plej altan punon, tiun, kiun oni rezervigas al tiu, kiu, pro malzorgo, lasas perei sian infanon !

Maur. JAUMOTTE.

I. **Insignoj :**

| | |
|---|---|
| Esp. Flageto, broŝ.-but.-ping. . . . . . | 10,50 |
| Insigno N-o 1 . . . . . . . . . . | 2,— |
| » N-o 2 broŝ.-but.-ping. . . . . | 2,25 |
| » N-o 3 broŝ.-but.-ping. . . . . | 3,25 |
| » N-o 4 » » » . . . . . | 3,— |
| » N-o 5 » » » . . . . . | 3,25 |
| » N-o 6 » » » . . . . . | 2,75 |
| » N-o 7 » » » . . . . . | 2,75 |
| » N-o 8 » » » . . . . . | 3,50 |
| » N-o 9 » » » . . . . . | 3,50 |
| » N-o 10 steleto kun laŭroj : profesoro | 5,— |
| » pendanto . . . . . . . . . | 6,50 |
| » N-o 11 . . . . . . . . . . | 2,— |
| » kun granda E . . . . . . . . | 3,50 |
| » por katolikaj, broŝ.-but.-ping. . . | 3,50 |
| » U. E. A., broŝ.-but.-ping. . . . | 7,— |
| » stelo sur tolo . . . . . . . . | 1,— |

II. **Flagetoj :**

| | |
|---|---|
| 30 cm. × 20 cm. . . . . . . . . . | 3,— |
| Biciklaj flagetoj . . . . . . . . . | 2,50 |
| 1 m. × 0,70 cm. . . . . . . . . | 12,50 |
| 1,50 × 1 m. . . . . . . . . . | 25,— |

III. **Aŭtograflibretoj :**

| | |
|---|---|
| Aŭtograflibretoj . . . . . . . . . . | 9,75 |
| » . . . . . . . . . . | 11,— |

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

*Je l'demando de S-ro Schoofs, la subskribinto tradukis la « Belga'n Konstitucia'n Leĝon'n », kaj aldonis al ĝi klarigon.*

*La teksto reviizita, laŭlingve, de nia bedaŭrata amiko, kaj, laŭjure, de S-ro Advokato Marcel Roost, kuŝis jam de kelka tempo, prespreta, en la kopiprovizo de B. E.*

*Ni ĝis nun prokrastis ĝian publikigon, sed, de nun, aperigos ĝin, en la hodiaŭa kaj la sekvontaj numeroj :*

## PARTO UNUA
### pri la teritorio kaj pri ĝiaj dividoj.

Art. 1. — Belgujo estas dividita en provincoj.

Tiuj provincoj estas : Antverpeno, Brabanto, Okcident-Flandrio, Orient-Flandrio, Hanagovio, Limburgo, Lieĝo, Luksemburgo, Namuro.

Leĝo povas, se necesas, dividi la teritorion en pli granda nombro de provincoj.

Por la kolonioj, transmaraj posedaĵoj kaj protektoraĵoj, kiujn Belgujo akirus, specialaj leĝoj valoras. La Belga soldataro por ilia defendo, nur per memvolaj kontraktoj povas esti varbataj.

Art. 1. — La lasta paragrafo datumiĝas nur de 1893, kaj estis akceptata, ĉar la parlementanoj volis eviti, ke je eventuala koloniiĝo de Kongo-lando, tiam sendependa Ŝtato, la Belgaj soldatoj povus esti devige sendataj al Afriko.

Art. 2. — La subdividoj de la provincoj nur per leĝo povas esti fiksataj.

Art. 2. — La Konstitucia Leĝo nur indikas la nomojn de la provincoj. Ĝi lasas la limojn de ĉiuj ties subdividoj fiksotaj de leĝo.

Art. 3. — La limoj de la Ŝtato, de la provincoj kaj de la komunumoj nur per leĝo povas esti ŝanĝataj aŭ reĝustigataj.

Art. 3. — Tio signifas, ke kiam la teritorio de granda urbo ekz. ampleksiĝas, tio nur povas okazi per speciala leĝo.

La kutimaj subdividoj de provinco estas distriktoj (arrondissement), subdistriktoj (canton), kaj komunumoj (commune - gemeente).

La limoj de la Lando estis jam ŝanĝitaj per la leĝo de la 15a de Septembro 1919, kiu aprobis la pactraktaton, kiu donis al Belgujo la distriktojn de Eupen kaj Malmédy. Ankaŭ la limoj de provincoj jam estis ŝanĝitaj, nome tiuj de Antverpeno kaj Orient-Flandrio, kiam per la leĝo de 1928 la provinco Orient-Flandrio cedis al Antverpeno, teritorion kontraŭ la urbo Antverpeno, sur la maldekstra Skeldobordo.

## PARTO II
### pri la Belgoj kaj pri iliaj rajtoj.

Art. 4. — La eco de Belgo estas akirata, konservata kaj perdata laŭ la reguloj, fiksataj per la civila leĝo.

La nuna Konstitucia Leĝo kaj la aliaj leĝoj, kiuj rilatas al la politikaj rajtoj, fiksas, kiuj estas, krom la Belgeco, la kondiĉoj necesaj por profiti de tiuj rajtoj.

Art. 5. — La regnaniĝo estas konsentata de la leĝdona povo.

Nur la plena regnaniĝo igas la fremdulon egala al la Belgo, rilate al la politikaj rajtoj.

Art. 6. — En la Ŝtato ne ekzistas diferenco laŭ rango.

La Belgoj estas egalrajtaj laŭ la leĝo ; nur al ili estas permesata plenumi la civilajn kaj militistajn oficojn, krom la esceptoj, kiuj povas esti starigataj per leĝo por specialaj okazoj.

Art. 7. — La libereco individua estas garantiata.

Neniu povas esti persekutata, krom en la okazoj difinitaj per la leĝo, kaj laŭ la formo, kiun ĝi fiksas.

Krom ĉe l' freŝa faro, neniu povas esti arestata, se ne ekzistas de l' juĝisto pravigata ordono, kiu devas esti konigata je l' momento de la aresto, aŭ plej laste dudek-kvar horojn poste.

Art. 8. — Neniu povas esti forprenata, kontraŭvole, de la juĝisto, kiun la leĝo donas al li.

Art. 9. — Neniu puno povas esti starigata, nek aplikata krom per la leĝo.

Art. 9. — Tio ne signifas, ke la Ĉambroj devas starigi mem ĉiujn ordonojn, kiuj rilatas al punoj. Laŭ art. 31, la nure komunumaj aŭ nure provincaj aferoj estas regataj de la komunumaj aŭ provincaj konsilantaroj. Laŭ decido de la nederlanda Reĝo Vilhelmo, la malobeoj al la regularoj eldonitaj de ili estas punotaj, laŭ decido de la koncernaj konsilantaroj, per monpunoj de maksimume 15 guldenoj. Tiel en specialaj aferoj, malgrandaj punoj tamen ŝajne povas esti starigataj sen leĝo, sed efektive la lokaj regularoj estas sankciitaj de la leĝdoninto.

Art 10. — La loĝejo estas neperfortebla ; neniu endoma enketvizito estas permesata, krom en la okazoj montratoj de la leĝo kaj laŭ la formo, kiun ĝi fiksas

Art 11. — Neniu povas esti senigita de sia posedaĵo, krom pro ĝenerala utileco, en la okazoj kaj laŭ la maniero, fiksataj de la leĝo, kaj post justa kaj antaŭpagata kompenspago.

Art. 11. — Eĉ kiam temas pri deposedigo pro ĝenerala utileco, tio nur povas okazi sekve al decido de la kompetenta konsilantaro, kaj post regula juĝa ordono.

Art. 12. — La puno de konfisko de la posedaĵoj ne povas esti starigata.

Art 13. — La civila morto estas forigata ; ĝi ne povas esti restarigata.

Art. 13. — Antaŭe ekzistis « civila morto », t. e. senigo de ĉiuj civilaj rajtoj. Nun ĉiu persono eĉ mortkondamnito, kies punon la Reĝo malgrandigis, kaj kiu post multaj jaroj estas reliberigata, ĝuas siajn homajn rajtojn. Li do povas edziĝi, heredi, aĉeti, vendi, kontrakti. Tiu ĉi klarigo kompreneble ne rilatas al politikaj rajtoj, kiujn leĝa ordono povas por ĉiam forpreni.

Art 14. — La religia libereco, tiu de ilia publika plenumado, same kiel la libereco esprimi siajn opiniojn en ĉiuj aferoj estas garantiataj, krom la persekutado pro punindaĵoj faritaj dum la uzado de tiuj liberecoj.

Art. 15. — Neniu povas esti devigata kunhelpi

iamaniere al la agoj kaj ceremonioj de religio, nek observi ĝiajn ripoztagojn.

Art. 15. — Tamen ne estas permesate al soldato rifuzi deĵori, eĉ se tiu deĵoro lin kondukas en preĝejon, ekz. ĉe enterigo aŭ procesia ceremonio. La sama okazos por ĝendarmo kaj policisto.

Ankaŭ ne estas permesate laborigi, krom esceptoj, laboristojn je Dimanĉo, kiu estas konsiderata kiel ripoztago. Sed ĉiu individue povas labori, ĉu hejme, ĉu en sia laborejo.

Art. 16. — La Ŝtato ne havas la rajton sin miksi, nek en la enoficigo, nek en la instalado de la oficiantoj de kiu religio ajn, nek malpermesi al ili letere rilati kun iliaj aŭtoritatuloj kaj publikigi iliajn sciigojn, krom, en tiu ĉi lasta okazo, la kutima respondeco pri presaĵoj kaj publikigoj.

La civila edziĝo devas ĉiam antaŭiri al la edziĝa beno, krom la esceptoj, kiujn la leĝo fiksos, se necese.

Art. 16. — Dum la milito, la Germana okupanto de nia lando, multfoje klopodis atenci al tiu ĉi artikolo. Estas unu el la gloroj de la Belga pastraro, kaj speciale de ilia estro, la ĉef-episkopo de Meĥleno, kardinalo Mercier, ke li nepre postulis konservi tiun liberecon.

Pri la edziĝo, tiu decido estas sekvo de la plena libereco de religioj. Por ke ne povu okazi trouzoj de la rajto, kiun havas la pastroj, kunigi gefianĉojn, estis necese, ke ĉiuj edziĝu ankaŭ civile. Tamen multaj katolikoj en la unuaj tempoj de la sendependeco nur kontraŭvole obeis al tiu ĉi ordono, kaj eĉ diversaj katolikaj nobeloj, edziĝis tute senceremonie laŭ la civila modo, ne sin konsideris kiel geedziĝintaj, kaj nur unu aŭ du semajnojn poste ricevis, kun granda ceremonio, la religian benon. Tiu ĉi protesta sintenado nun tute forfalis.

La leĝo tamen ne punas la pastron, kiu helpis personon, kiu estas en mortdanĝero, kaj kiu deziras edziĝi. Se morto tamen ne sekvas la civila ceremonio tuj devas okazi.

Art. 17. — La instruado estas libera ; ĉiu antaŭforiga decido estas malpermesata ; la puno de la punindaĵoj estas regata nur per la leĝo.

La publika instruado, donata je l'kosto de la Ŝtato, estas same per la leĝo regata.

Art. 17. — Ĉiu do povas instrui. Diplomoj ne gravas. La organizantoj de lernejoj (ŝtato, urbestraroj aŭ privatuloj) havas kompreneble la rajton postuli de siaj instruistoj, la diplomojn, kiujn ili volas. Same la Ŝtato por konfirmi diplomojn donitajn al lernantoj, povas postuli, ke la profesoroj de la pritemita lernejo havu iajn diplomojn. Ekz. por ke la lernanto povu akiri diplomon de supera meza grado (humanismaj studoj), ĉiuj profesoroj devas posedi diplomon de « kandidato » en la scienco, kiun ili instruos.

Por ke la ŝtato povu malfermi novan ŝtatan lernejon, Universitaton, aŭ ateneon, estas bezonata leĝo, voĉdonata de la Ĉambroj.

Art. 18. — La preslibereco ekzistas ; la cenzuro neniam povas esti starigata ; kaŭcio ne povas esti starigata ; kaŭcio ne povas esti postulata de la aŭtoroj, eldonistoj aŭ presistoj.

Kiam la aŭtoro estas konata kaj havas sian loĝejon en Belgujo, la eldonisto, la presisto aŭ la disdonanto ne povas esti persekutata.

Art. 18. — Tiu ĉi artikolo ne malebligis ke dum la jaroj 1914-18 ekzistis cenzuro. Sed de la unua tago de la milito, ni eniris eksterordinaran periodon, kaj la militista povo iĝis, post konsento de la civila povo, mastro en la Lando.

Art. 19. — La Belgoj rajtas kunveni pace kaj sen armiloj, konformiĝante al la leĝoj, kiuj reguligas la uzadon de tiu ĉi rajto kaj kiuj neniam povas dependigi ĝin de antaŭe akirita permeso.

Tio ne rilatas al kunvenoj sub libera ĉielo, kiuj restas ĉiam dependantaj de la policaj leĝoj.

Art. 19. — Neniam antaŭa permeso estas necesa por kunveni en salono. Neniam teatra direktoro bezonas permeson por ludi teatraĵon. Sed estroj de dancejoj aŭ de kafejoj bezonas komunuman permeson por aranĝi festojn en siaj salonoj.

Art. 20. — La Belgoj havas la rajton asocii ; tiu ĉi rajto ne povas estis submetata al iu antaŭforiga decido.

Art. 20. — Ne estas do bezonata permeso por la fondo de kiu ajn societo, ĉu privata, ĉu komerca.

Art. 21. — Ĉiu havas la rajton sendi al la publikaj aŭtoritatuloj petskribojn, subskribitajn de unu aŭ de pluraj personoj.

Nur la leĝe starigitaj aŭtoritatoj havas la rajton sendi petskribojn en komuna nomo.

Art. 21. — Privatulo do ne rajtas sendi petskribon « en la nomo de » la enloĝantoj de urbo, de kvartalo, de strato... Sed urbestraro rajtas sendi nome de sia urbo, eĉ se la petskribo nur estas subskribita de la urbestro kaj de la komunuma sekretario.

Art 22. — La sekreto de la leteroj ne povas esti atencata. La leĝo fiksas, kiuj estas la oficistoj respondecaj pri la atencado de la sekreto de la leteroj, komisiitaj al la poŝto.

Art. 23. — La uzo de la lingvoj uzataj en Belgujo estas laŭvola ; ĝi nur povas esti reguligata de la leĝo kaj nur rilate al la aktoj de la publikaj aŭtoritatoj kaj por la juĝaj aferoj.

Art. 23. — Individue la Belgo do neniam povas esti devigata paroli alian lingvon, ol tiu kiun li elektas. Oficialaj oficistoj tamen povas esti devigataj uzi la lingvon kutime uzatan en ambaŭ partoj de la lando.

Art. 24. — Neniu antaŭa permeso estas necesa por ekkomencigi persekuton kontraŭ la publikaj funkciuloj, pro oficokazintaĵoj, krom tio kio estas fiksata rilate al la ministroj.

## PARTO III
### pri la povoj.

Art. 25. — Ĉiuj povoj devenas el la Nacio.

Ili estas plenumataj laŭ la de la Konstitucia Leĝo montrita maniero.

Art. 25. — La Reĝo ne plu estas kiel en iaj landoj la Reĝo de la Lando, do la Reĝo de Belgujo ; li estas la Reĝo de la Belgoj, kiuj lin elektis. Li havas nenian povon, krom tiu, kiun la Belgoj donis al li per la Konstitucia Leĝo. Estas do la Nacio, kiu decidas pri ĉiuj povoj en la Lando, eĉ pri tiuj de la Reĝo.

*(Sekvo en proksima numero.)*

Trad. kaj klarigis
Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 5an de Oktobro: *Vizito al la Magazeno «ESPERANTO», Willemsstrato:* Ĉiuj membroj estas nepre petataj ĉeesti tiun ĉi montron de intereso al la entrepreno de B. E. I. — Poste kune al « Witte Leeuw », por intima festeto.

La 12an: Gramofonvespero en la magazeno de G-roj Faes, Schoenmarkt 16/1.

La 19an: Parolado de F-ino Math. Hofkens, pri « La Mensogo ĉe l'Infano ».

La 26an: Parolado de S-ro Faes, pri:

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a, en la sidejo « GOUDEN HOORN - CORNET D'OR, placo Simon Stevin :

La 1-an de Oktobro: Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ». (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)

La 8-an: Lastaj aranĝoj por nova kurso. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

La 15-an: Parolado de S-ro Jef Decoster pri « Deklamado ». (Prez. F-ino Y. Hubrecht.)

La 22-an: Surpriza Vespero. (Prezidos: « ? ».)

La 29-an: Interparolaj ekzercoj. (Prez.: F-ino M J. Vanden Berghe.)

GRAVAJ SCIIGOJ: Granda propaganda balo estos organizata por la 14-a de Decembro en « Muntpaleis » De la 1-a de Oktobro ĝis tiam, la dua duono de ĉiu marda kunveno estos dediĉata al *danclernado*, (kvadrilo kaj modernaj dancoj) sub gvidado de Ges-roj P. De Vooght-Fasnacht.

NOVA KURSO por komencantoj, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, estos malfermata VENDREDON 11-an de Oktobro, je la 20-a en la grupa sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ». Sekvantaj lecionoj: *vendrede* 18-an kaj 25-an kaj *ĵaŭde* 31-an de oktobro. La kurso estas senpaga *por la membroj*, kiuj estas petataj fari grandan propagandon por alkonduki gefamilianojn kaj gekonatulojn.

La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, *kaj ankaŭ ĉiuvendrede dum la daŭro de la kurso*, de la 19,30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or» . Bibliotekistoj: S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE: ĉiulunde, je 7-a horo: perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO: ĵaŭdon, 10-an de Oktobro, je 8-a horo, perfektiga kunveno en Hotel du Phare, place Maréchal Foch.

SCLESSIN: ĵaŭdojn, 3-an kaj 17-an deOktobro, je 7 h. 30, perfektigaj kunvenoj en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 7-an de Septembro, okazis sur la maldekstra Skeldo-bordo, la jara Mitul-vespermanĝo. Pro la morto de la Reĝino, tiu ĉi tamen ne estis daŭrigata per la tradicia muzika kaj danca partoj.

La 14-an, S-ro Jaumotte malfermis la unuan postsomeran kunsidon en la ejo de la 1-a etaĝo, per funebra paroladeto, en kiu li honorigis la memoron de nia bedaŭrata reĝino Astrid, kies morto ĉiujn senescepte trafis, ĉar ĉiuj vidas en ŝi, pli ol reĝino, junaen edzinon kaj patrinon. La Prezidanto sciigis, ke la Grupo sendis telegramon al la Reĝo.

La 19-an S-ro Jaumotte faris la malferman paroladon de la unua kurso de la vintra sezono, kiun gvidos ĉiuĵaŭde S-ro Henri Sielens.

La 21-an, vizitis la grupon S-ro Moy Thomas, el Londono, kaj G-roj Castel el Bruselo. S-ro Jaumotte kore bonvenigis ilin. Diversaj membroj tiam rakontis pri sia libertempo. Atentindaj estis la klarigoj tre interesaj de G-roj Van Reybroeck-De Waegenaere pri vojaĝo al Londono.

La 28-an, la festeto antaŭvidita estis prokrastata ĝis la sekvanta sabato, por ke ĝi povu sekvi la viziton al la magazeno en la Willemsstrato. Anstataŭe S-ro Jaumotte faris paroladon pri la internacia situacio sub la titolo: « Ĉu ni malesperu? ».

— *Inaŭguro de Esperanto-monumento sur la tombo de J. Karnas.* — Dimanĉon la 22-an de Septembro, posttagmeze, estis inaŭgurata en la enterigejo de la antaŭurbo Berchem, bela Esperanto-monumento sur la tombo de la tro frue mortinta samideano Juul Karnas, iama komitatano de « La Verda Stelo », diplomita Profesoro de la Belga Ligo Esperantista, sed kiu, dum la lastaj jaroj, daŭrigis sian por-Esperantan laboron sur alia kampo. Paroladoj estis farataj de S-roj Lodema, nome de la Komitato, kiu kolektis la enskribojn kaj Rainson, nome de F.L.E. S-ro Karnas sr., dankis Esperantlingve. S-roj Jaumotte, Prezidanto de la Reĝa Esperanto-grupo « La Verda Stelo », kaj De Ketelaere, ĉefdelegito de U.E.A., kliniĝis, post la ceremonio, antaŭ la tombo kaj prezentis al la vidvino, iama membrino eks-F-ino Irma Verhoeven, la kondolencojn de tiuj, kiuj, en la rangoj de la Belga Esperantistaro, konis la formortinton kaj kunlaboris kun li.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Ges-roj Haberfield, el Londono, ĉeestis la kunvenon de la 20-a de Aŭgusto, dum kiu estis legata teatraĵo: « Sovaĝulineto ».

Aliaj vizitoj de samideanoj: la 22-an, de F-ino Reed el Stockholm, kaj, la 24-an, de S-ro Dewaele, el Dunkerque.

Dum la kunveno de la 27-a de Aŭgusto, S-ro R Groverman, reveninte el Romo, komencis sian tre interesan raporton pri la XXVII-a Internacia Kongreso. Li ilustris sian paroladon per multegaj fotografaĵoj.

La 3-an de Septembro, F-ino Y. Thooris, prezidantino, emocie parolis pri la tragedia morto de la Reĝino, kaj komunikis pri kondolenca telegramo sendita al la Reĝo, Honora Prezidanto de Belga Ligo. La ĉeestantoj honore de la karmemora Mortintino silente leviĝis kaj la kunveno estis fermata pro funebro.

La kunveno de la 10-a de Septembro estis ĉeestata de S-ro Leslie T. Flint, el Birmingham. Dum ĝi, S-ro R. Groverman daŭrigis sian raporton pri la Roma kongreso.

Tria parto de tiu raporto « Napoli-Tripoli-Genova » estis farata de S-ro R. Groverman, antaŭ atentema aŭskultantaro, dum la kunveno de la 17-a de Septembro. Ĉeestis ankaŭ S-ro Moy Thomas, samgrupano el Londono, kiu, dum la dua parto de tiu kunveno, aŭdigis kun grandega sukceso la plej belajn perlojn el sia neelĉerpebla kantrepertuaro.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — (Lieĝo — Chênée — Sclessin). — La anoncitaj kunvenoj okazis, kiel kutime, kun bona sukceso. Parto de tiuj kunsidoj estis dediĉata al memorigo pri la bedaŭrata Reĝino Astrid, kies neatendita morto grande afliktis ĉiujn tie ĉi.

La preparo de la venontaj kursoj nun finiĝis. Krom tiuj en Lieĝo (Hocheporte kaj Polyglotte) jam anoncitaj kaj gvidotaj de S-roj Leroy kaj Dechesne, malfermiĝos kursoj en Chênée, la 7-an de Oktobro, en Jemmeppe, la 9-an, kaj en Sclessin, la 4-an, sub respektiva direkto de F-ino Baiwir, S-roj Ponthir kaj Goyen.

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

— ESP-O KAJ NACIAJ GAZETOJ:

« Jugoslovenska Posta, Telegraf, Telefon », oficiala organo de la asocio de P.T.T.-oficistoj el Jugoslavujo; « Suomen Socialdemokraatti » el Finnlando; « Ciencia Popular » el Argentino; « L'Eclaireur de Nice » el Francujo; « Katholiek Zondagsblad » kaj« Wij » el Nederlando, publikigas regule esperanto-rubrikon; kelkaj enhavas eĉ artikolojn en esperanto, aliaj enhavas kursojn pri ĝi.

*(Laborista Esp-isto — Franca Esp-isto.)*

— ESP-O KAJ TURISMA PROPAGANDO:

— La urbo Diksmuide eldonis 4-paĝan gvidlibreton.

— Sur novaj planoj, eldonitaj antaŭ nelonge, pri Napolo kaj Pompejo troviĝas klariga teksto en Esperanto, apud la itala, franca kaj angla lingvoj.

— En Jugoslavujo eldoniĝis nova gvidlibro, tute en Esp-o.

— ESP-O EN FRANCUJO:

— La Foiro de Parizo ĉiujare kompilas statistikon, starigantan komparon pri la ofteco de informdemandoj aŭ korespondado en la diversaj lingvoj.

Tiun ĉi jaron Esperanto venis, en la listo, la unua, eĉ antaŭ la angla.

Tamen ankoraŭ ĉiam ni aŭdas ke ne-esperantistoj dubas pri la praktika utilo de la lingvo... *(Franca Esperantis o.)*

— ESP-O KAJ LA LERNEJOJ:

— Dek naŭ komunumoj el la regiono Bourgogne-Jura (Francujo) demandis la devigon de la esp-o-instruado en la lernejoj.

— En la urbo Cirju (Hindoĥinujo) dekreto devigis la instruadon de Espo en la 7a kaj 8a studojaroj.

— La Konsilantaroj de Var, Valence, Arras kaj Saint-Raphaël voĉdonis dezirespimon pri la enkonduko de Esp-o en la lernejojn.

— En Anglujo esp-o estas instruata en 12 popollernejoj, kaj 12 gimniazioj.

— En Grekujo, en la universitato de Ateno Esp-o estas instruata, same kiel en multaj aliaj Grekaj lernejoj.

— En Ĉeĥoslovakujo nia lingvo estas instruata en dekkvino da ĉiuspecaj lernejoj. *(Laŭ Laborista Esperantis o.)*

# Bibliografio

*ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO, II. K-Z. Redaktis L. Kökeny kaj L. Bleier. Prizorgis la lingvofakon K. Kalocsay. Iniciatinto-ĉefredaktoro I. Ŝirjaef †. Formato kaj ampleksoj kiel la unua volumo. Prezo kun la unua volumo: sv. fr. 30 + 10 %. (330 belgaj frankoj).*

Fine la dua volumo de la enciklopedio atingis nin. Ni diras « fine » ĉar ni ja devis atendegi. Ni tamen tute ne bedaŭras tion, pro la valoro de la enhavoriĉa libro.

Ankaŭ tiu ĉi dua volumo prezentas multege da sciindaĵoj, antaŭe dise semitaj aŭ tute ne surpaperigitaj, kaj nun ĉiuj kunigitaj, zorge kribritaj kaj plaĉe prezentitaj!

La verko meritas plene sian nomon « Enciklopedio de E. » ĉar ni ja trovas ĉion en ĝi; ĝi prezentas al ni veran literaturhistorion, amason da bonegaj prilingvaj detaloj; ĝi donas biografiajn notojn pri centoj da esperantistaj eminentuloj; estas riĉe ilustrita; unuvorte, ĝi plene respegulas la 50-jaran vivon de Esperanto kaj ĝia movado.

Kaŭze de nia devaloriĝinta franko la libro estas por ni tre multekosta, eĉ se ni konsideras ĝian enhavon. Tamen ni rekomendas tiun unikan verkon al ĉiuj niaj legantoj.

*RIĈA KAJ SEN MONO, de Philip Oppenheim. El la angla lingvo tradukita de Fred. E. Wadham. L. K. Eld.: The Esperanto Publishing Co Ltd. 142, High Holborn, London W. C. 1, Anglujo. Formato: 15×21 cm.; 224 pĝ.; tolbindita; prezo: 3 ŝ 6 p + 6 p por sendkostoj. La sesa libro de P.E.-B.*

Ĉi tiu libro estas la lasta presita en Nederlando; la Esp-o Publishing Co daŭrigos la edonadon de bele binditaj malmultekostaj romanoj.

Estas rakontitaj, en la volumo, la aventuroj de juna dando, milionulo kiu ne laboras kaj nur uzas sian tempon, ĉiam pripensante novajn manierojn por elspezi sian monon, neniam farante ion bonan aŭ utilan.

Ofendite de kuracisto, li vetas kun ĉi lasta pergajni mem sian vivon dum tuta jaro, neniam uzante sian potencon de riĉulo. Ĉiuj travivaĵoj kaj spertoj liaj, kiuj ne ĉiam estas gajaj aŭ kuraĝigaj, estas detale kaj kun la konata precizeco de Oppenheim priskribitaj kaj konsistigas agrablan distran legaĵon.

Koncerne la lingvon, la stilo estas agrabla, la traduko ĝenerale bona.

Ni tamen devas fari kelkajn rimarkojn; kial « ŝofero » anstataŭ « ŝoforo »? ĉu oni eterne diskutos pri tiaj aferoj? — Post « antaŭ » devas veni « ol » antaŭ infinitivo. « Sin kolekti » estas anglismo. — Ĉu la vorto « bukmekro » estas necesa?

Laŭeksteraĵe, la libro estas bela ornamo por ĉiu esp-obiblioteko.

*LA ORA STUPARO, de E. Phillips Oppenheim. Tradukita el la angla lingvo de la Esperantista Societo de Romford. Eld.: 1935, The Esperanto Publishing Co Ltd. 142, High Holborn, London W. C. 1, Anglujo. Formato: 12,5×19 cm.; 280 pĝ; fortika kartona bindo; prezo: 3 ŝ 6 p + 6 p por sendkostoj.*

Ĉe la unua rigardo al tiu verko, oni rekonas la kutiman zorgemecon de la Esp-o-Publishing Co; oportuna formato, bonega papero, bela litertipo kaj bongusta eksteraĵo.

La ĉefa ideo troviĝanta en la libro, estas nia ĉies idealo: atingi daŭran mondpacon.

La aŭtoro solvis la problemon laŭ stranga, interesplena maniero, kiu ofte igas la leganton pripensi kaj mediti; precipe ĉar la temo estas tiom aktuala kaj ĉar Oppenheim tute ne indulgas la t. n. packonferencojn.

La heroo de la rakonto, Warren Rand, estas maljuna, po-

enca, riĉega jurnalposedanto kiu metas ĉion en la servon de sia porpaca penado: sian cerbon, sian potencon, sed, antaŭ ĉio, ankaŭ sian monon, dank' al kiu li fine sukcesas realigi sian vivorevon.

Rilate al la lingvo, ni devas fari denove kelkajn rimarkojn. « Lerni » anstataŭ « aŭdi, ekscii » estas anglismo, same kiel « nokto » anstataŭ « vespero » kaj « aĉeti » trinkaĵon por iu. « Ajn » estas ofte erare uzita, same kiel « pli » antaŭ adjektivo, kiam tute ne temas pri komparo ekzemple: pli malgranda, anstataŭ: ne tre granda, negranda.

Tradukantoj klopodu pli kaj pli eviti naciismojn.

Kion signifas « blokhaŭso » ?

Post « spite » kaj « koncerne » devas troviĝi prepozicio aŭ devas esti uzata akuzativo!

« Pli poste » estas pleonasmo.

La eldonejo meritas ĉiujn laŭdojn pro tiu unua volumo en la nova serio.

*LA JUNA VIVO — 1934-1935. Unua Jarkolekto de l'samtitola gazeto. Redakcio kaj Administracio: West-Graftdijk (N. H.) Nederlando. Formato: 15×23,5 cm.; 196 pĝ.; prezo nemontrita (jarabono — 15 b. fr.).*

Kiam la redakcio de « La Juna Vivo » intencis eldoni libroforme, la unuan jarkolekton de tiu ĉi gazeto, ĝi havis bonan ideon. Nur nun ĉiuj povos bone prijuĝi la laboron faritan dum la unua-ordinare la plej malfacila-jaro.

La kolekto ne estas nur kolekto; ĝi estas bonega lernolibro tia kia jam delonge mankis al ni: lernolibro por infanoj, lernolibro por junaj, komencantaj esperantistoj.

La leganto trovas en ĝi multajn lecionojn, interesajn ekzercojn, kaj antaŭ ĉio abundan legomaterialon.

La ĉi-jara sukceso certe instigos la redakcion ankoraŭ plibonigi Juna'n Vivo'n.

*KOLIN — ĈEĤOSLOVAKA RESPUBLIKO, 1935. Gvidlibreto, 16 paĝoj + koverto. Sep ilustraĵoj, formato: 10,5×15 cm.; de Josef Stolba, direktoro de la Urba muzeo; tradukis Jan Janda. Eld.: Esperantista Klubo, Kolin. Prezo: 1 Kc. aŭ 1 respondkupono.*

Interesa gvidlibreto traktanta pri la tuta historio de evoluo de tiu urbo. Bela aldono al la ĉiam kreskanta « turismaliteraturo ».

KARBOJ
DEBRUYNE & DERACOURT
Van Beethovenstr., 2, ANTVERPENO
FAVORAJ PREZOJ — BONA KVALITO
— RABATO POR GRAVAJ MENDOJ —
PETU PREZARON KAJ MENDU
AL NIA PERANTO :-:
G. Van den Bossche
21, Willemstrato 21,
Antverpeno
: (Tel.: 732,99) :

BELGA MARBORDO
Grand Hôtel d'Oostduinkerke
Bone konata de multaj Esperantistoj
P. BENOIT, Delegito de U.E.A. Posedanto

RADIO DISKOJ GRAMOFONOJ
LA VOĈO
DE SIA MASTRO
La Marko
tutmonde konata
pro la perfekteco
de siaj produktoj




BOLSIUS Korte Koepoortstr., 11
ANTVERPENO
*Firmo fondita en 1828*
ĈIUJ MASTRUMAJ ILOJ
Daŭre brulantaj fornoj « JAN JAARSMA »
Kuirejaj fornoj
HOMANN kaj KUPPERBUSCH
*Ĉiuspecaj Infanveturiloj*
Lavmaŝinoj « JOHN »
Funkcias per gaso aŭ karbo
*Membroj de*
*Belga Ligo Esperantista ĝuas rabaton*



OSTENDO BELGUJO
HOTEL VROOME
20, BULVARDO ROGIER, TEL. 37
*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*

ĈIUJ ESPERANTISTOJ
KAPVESTAS
sin ĉe
SAMIDEANO CAUS
Ĉapeloj: ĉiuj markoj kaj prezoj
Kasketoj por vojaĝi
Ombreloj por Sinjorinoj kaj Sinjoroj
*Firmo fondita en 1898*
Vondelstrato, 19, ANTVERPENO

Vizitu BRUĜO'N (Belgujo)
arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro
kaj haltu:
HOTEL DU CORNET D'OR
2, PLACE SIMON STEVIN
Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.
Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.
Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj,
bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.
*Oni parolas Esperanton.* *English spoken.* DS (1061).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.